


# AGADO

DE RONDETO ESPERANTISTA ĈE MěstOB EN JIHLAVA

JANUARO 1961 N-ro 1

## VENKO DE LA SOCIALISMO EN ĈEĤOSLOVAKIO

En la pasinta jaro estis sukcese finita la dua kvinjara plano de disvastigo de nacia ekonomio. Nia laborema popolo per sia oferema laboro plenumigis ĉiujn planitajn taskojn kaj per tio oni finkonstruis la materialajn fundamentojn de la socialismo. La Ĉeĥoslovaka socialisma respubliko (ĈSSR) apartenas al ŝtatoj kun la plej alta vivnivelo. ĈSSR estas membro de la mondsocialisma sistemo. Sub gvido de la registaro kaj de komunista partio la ĉeĥoslovaka popolo antaŭmarŝas kuraĝe al novaj sukcesoj de la tria kvinjara plano de nacia ekonomio. Feliĉa kaj sukcesplena estas la vivo en ĈSSR. —ek

---

## AL ESPERANTISTOJ EN JIHLAVA.

Ni prezentas nin al vi per eldonado de „AGADO". Sur paĝoj de nia eta informilo ni intencas informi vin pri nia aktiveco kaj laboro en Esperantista rondeto ĉe MěstOB. Nia informilo celas funkcii kiel ligilo inter Esperantista rondeto kaj Esperantistoj, kiuj ne eblas ial ajn vizitadi niajn kunvenojn. Malgraŭ tio ni esperas, ke vi baldaŭ vizitos nin.

Esperantista rondeto ĉe MěstOB-Jihlava.

## KANTO DE L' LABORO
(Píseň práce)

Eksonu kant' pri l' nobla fort'
Ligita jam al homa sort'
Dum li sen homa mor';
Kaj ĉio, kion havas li
Kreiĝis el la lig' kun ŝi
(Glor' al Labor'!)

Kaj kiam tra l' arbusta bar'
Kaj tra l' timinda praarbar'
Li rampis kun angor',
Armilon donis por defend'
Labor' al duonbesta gent'
(Glor' al Labor'!)

Por gajni panon per semad'
Li finis vivon de l' nomad'
Pafarkon ĵetis for,
Plugilon kreis en konkord',
Li per labor' — ĉi krea fort'
(Glor' al Labor'!)

Kaj dum malhela mezepok'
De Galilei sonis vok';
La mond' moviĝas for!
Ni voku: movas sin la mond'
Nur per Labor' — la vivofont'
(Glor' al Labor'!)

J. J. Zapf. Trad. B. Klatil

## „ESPERANTO EN AZIO"

Hodiaŭ, pli ol iam ajn, ne nur transporto de varo kaj rapida vojaĝo estas grava, sed estas esenca la kontakto inter la homoj de diversaj kulturaj medioj, ilia reciproka interkompreniĝado kaj reciproka diskonigado de apartaj kulturaj havaĵoj. En antikvaj tempoj la lingva problemo, eĉ se ĝi ekzistis, ne estis tre akuta. La interŝanĝo de va-

*46-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO — HARROGATE 5-6 VIII 1961*

roj ne bezonis multajn vortojn kaj tiuj, kiuj havis la mision transdoni iun kulturan havaĵon, vojaĝis tiel malrapide, ke ili povis lerni la lingvon de la popolo, en kiu ili agadis.

Hodiaŭ la interkompreniĝo estas esenca. Por povi komunikiĝi la alilandanojn, multaj homoj klopodas kaj eĉ sukcesas lerni du, tri aŭ kvar lingvojn. Aziano, kiu venas al Eŭropo kun la kono de du aŭ tri ĉeflingvoj, povas esperi esti komprenata de kelkaj kleruloj ĉiuloke. Sed kiajn esperojn havas eŭropano aŭ aziano vojaĝanta tra Azio? Kiu entreprenos la taskon lerni du aŭ tri aziajn lingvojn kaj se iu tion farus, kiujn li elektus lingvojn? En Azio estas parolataj pluraj miloj da lingvoj kaj dialektoj, el kiuj multaj ankoraŭ estas nek pristuditaj, nek klasigitaj. Estas konata la fakto, ke en Hindujo oni parolas ĉirkaŭ 60 lingvojn, en Ĉinujo ĉ. 80 kaj en Birmo 120 ne kalkulante la diversajn dialektojn. Same estas konate, ke en Ĉinujo ĉ. 30 milionoj da homoj komprenas la pekingan, ke en Hindujo almenaŭ triono de loĝantoj komprenas hinde kaj en Birmo adoptis unu el siaj lingvoj kiel oficiala. En la aziaj landoj, kiuj, antaŭe estis kolonioj aŭ estas sub influo de in nacio politika aŭ kultura — tie tiu eŭropa lingvo estas instruata almenaŭ en la mezlernejoj kaj la universitata instruado plej ofte okazas en tiu lingvo. Kontraŭe la ĝenerala tendenco estas en la mondo, ke la elementa instruado okazu en la gepatra lingvo de infanoj. Estas evidente, ke en tiaj cirkonstancoj la hindaj kleruloj pasigas grandan parton de sia disponebla tempo por lernado de pluraj malfacilaj lingvoj. Fariĝas fakto, ke komuna lingvo ne estas ia lukso, sed urĝema bezono.

Laŭ la artikolo de Tibor Sekelj el Esperanto revuo prilaboris Dr Kopečková.

---

## ESPERANTO — EKZAMENOJ EN VIETNAMIO.

En la pasinta jaro organizis Vietnamia Pacdefedenda Asocio de Esperanto - ekzamenojn por komencantoj (kursanoj kaj memlernintoj). Sukcesis en la unugrada ekzameno 30 el 38 kaj en la duagrada ekzameno 14 el 18 kandidatoj. La asocio organizis ĉe la Esperanto-Klubo de Hanoi solenan rekontiĝon por disdoni al la sukcesintoj la atestojn pri lernado kaj la atestojn pri kapableco, krome premiojn al la plej bone sukcesintoj. Ĉeestis i. a. s-ano Nguyen - Van Kinh, ambasadoro de Vietnamio en Moskvo. Reprezentantoj de la novaj adeptoj esprimis en Esperanto sian kredon je la radia estonteco de nia lingvo kaj sian volon labori per Esperanto por paco kaj interpopola amikeco.

Vietnamaj geesperantistoj sendis donace tri sonbendojn al sovetaj gesamideanoj en Moskvo, Rostov kaj Erevan. La sonbendoj enhavis salutojn, raportetojn, poemetojn kaj vietnamajn kantojn en nacia lingvo kaj en Esperanto. El Heroldo

## DANA MINISTRO RADIOPRELEGIS PRI ESPERANTO.

La 30-an de septembro 1960 prelegis la dana ministro pri internaj aferoj, s-ro Sóren Olesen, en la Dana Radio danlingve pri Esperanto. La titolo de la prelego estis: „Esperanto — la solvo de la interpopola lingvoproblemo." El Heroldo

## JULIE ŠUPICHOVÁ 77-JARA

Meritplena senlaca ĉeĥa propagandistino S-ino Julie Šupichová, pensiita faka instruistino en Praha, Honora Membro de U.E.A., ĝisvivas la 27. 1. 1961 77 jarojn. Jam de la 1907 ŝi senlace laboris por esperantista movado, skribante artikolojn, verkante lernilojn prelegante kaj instruante Esperanton. Pro daŭra malsano ŝi jam ne povas publike labori. Honoro al ŝia laboro. —ek

---

## PRELEGO DE S-ANO HESAPĈIEV EN LERNEJO

Kun konsento de k-do Kubeš, direktoro de la mezlernejo en Smíchov, Vltavská strato, okazis la 3-an de novembro 1960 prelego de s-ano Hesapĉiev el Sofio, sub titolo „Bulgario — lando de rozoj". La prelegon partoprenis gelernatoj de 7-aj klasoj, kiuj nunjare lernos, dum geografiaj horoj, pri Bulgario, kaj samtempe anoj de Esperanto-Rondeto ĉe la menciita lernejo, por kiuj estis tiu ĉi prelego bona okazo aŭdi Esperanton kiel vivan, belsonan lingvon. Ĉiuj finaŭskultis la tutan prelegon kun intereso kaj ili ĉiam rememoras ĝin. La prelego estis bona propagando de la amika lando, kaj rezultiĝis, ke pluaj gelernantoj aliĝis al la Esperanto-Rondeto, kiun gvidas instruistino s-ino Milena Škodová. Ŝi ankaŭ la tutan prelegon tradukis en ĉeĥan lingvon.

M. Škodová

en Jihlava elkreskos nova moderna urbokvartalo? Ĝi estas situenda proksime de stacidomo ĉe la stratoj Havlíčkova kaj Kollárova. En tiu spaco estos konstruitaj multaj loĝdomoj 4- kaj 6-etaĝaj, inter kiuj oni aranĝos parkan medion. En ĝia centro estos vendejoj kaj speciala domo de servajoj por loĝantaro. Infanoj ricevos novajn infanvartenojn, antaŭlernejon kaj okjaran mezlernejon. Ĉe la ŝoseo al Praha trovos veturantoj eĉ lokaj civitanoj komfortan restoracion. Gastoj, kiuj alveturos trajne, povos tranokti en moderna alta hotelo rekte antaŭ la stacidomo.

Ĉiuj konstruaĵoj estos bone aranĝitaj kaj ekipitaj per ĉio, kio estas bezona por higiena kaj kultura vivo. La loĝejoj havos kompletajn apartenaĵojn kun malvarma kaj varma akvoj, gason kaj centralhejtadon. En pli altaj domoj estos instalitaj liftoj. Lavadon de tolaĵoj prizorgos memstaraj lavejoj, situantaj en centroj de blokoj. Tie estas fiksitaj ankaŭ lokoj por garaĝoj, sed certe plezurigos posedantojn de aŭtomobiloj, ke oni intencas konstrui ĉe rando de nova kvartalo centralan garaĝdomegon.

Ni antaŭĝoju, ke jam dum la jaro 1961 estos komencita la unua etapo de konstruado kaj ke post kelkaj jaroj jam vivos miloj da feliĉaj Jihlavanoj el la plej bela kvartalo de la urbo. Certe, ke tiuj 905 novaj loĝejoj videble helpos solvi problemon de loĝado en Jihlava, kiu estas ĝis nun tre prema.

Inĝ. Jan Kalny



## POPOLKANTO

(Lidová píseň: Nestískaj mi šohaj ručku!)

Ĉesu premi la maneton al mi knabo vi,
vian ĝemon, vian peton, ne komprenas mi.
Ne koleru, se vi vidas, kiel mi sen fin'
ĝoje kantas, gaje ridas, mi ja amas vin.

Amon havas mi al paĉjo, panjo, famili',
amon eĉ al amikinoj, gaja kompani',
amon eĉ al homoj ĉiuj bonaj, eĉ al vi,
kion vi plu volas, ĝoju, kiel ĝojas mi.

Mi ne scias, kion volas mi, se ĉiam nur
pri fidela am' parolas vi kaj pri plezur'.
Mi centfoje diris vere jam pri mia ŝat'
donus mi por vi ofere, kiel por la frat'.

Petr Bezruč

## MARYĈKA MAGDON

Hejmen foriris el Ostrava Magdon,
haltis vespere en Bartov-brandejo,
falis en foson kun kapo rompita.
Ploris filino lin, Maryĉka Magdon.

Falis renverse vagono kun karbo.
Mortis sub ŝarĝo vidvino de Magdon.
Orfoj kvin ploris en Hamry Malnova,
orfo plej aĝa ŝi, Maryĉka Magdon.

Kiu nun zorgos, satigos nun ilin?
Ĉu vi patrino por ili fariĝos?
Pensas vi koron ke havas riĉulo,
kiel ĝin vi havas, Maryĉka Magdon?

Estas sen fino arbaroj de' l grafo.
Liaj minejoj mortigis la patron,
lignon kolekti ĉu orfoj nun rajtas,
kion do diras vi Maryĉka Magdon?

Maryĉka, frostas kaj mankas manĝaĵo . . .
En la arbaroj da ligno sufiĉe . . .
Estro Marchfelder vin vidis forpreni,
ĉu li silentu ĝin, Maryĉka Magdon?

Kian do trovis vi al vi fianĉon?
Ĉapo kun plumoj, sur ŝultro pafilo,
frunto severa, al Frýdek li marŝas,
iros vi kune nun, Maryĉka Magdon?

Kia knabino fianĉa vi estas?
Kapo klinita, okuloj kaŝitaj,
larmojn amarajn kaj varmajn vi ploras,
kio ĉagrenas vin, Maryĉka Magdon?

Tie en Frýdek sinjoroj, fraŭlinoj
moke vin vokas per vortoj malicaj,
vidos vin ankaŭ la estro Marchfelder.
Kiel vi sentas vin, Maryĉka Magdon?

Restis birdidoj en ĉambro malvarma,
kiu nun zorgos, satigos nun ilin?
Homojn malriĉajn ne zorgas sinjoro.
Kio en via kor', Maryĉka Magdon?

Maryĉka, kruta rokaro ĉe l' vojo,
muĝas malsupre kaj kuras al Frýdek
ŝaŭma, sovaĝa river' Ostravice.
Ĉu vi ĝin aŭdas, knabino montara?

Salto al flanko, kaj ĉio finita.
Nigran hararon alkaptis la roko,
sango ruĝigis la blankajn manetojn,
Dio pardonu vin, Maryĉka Magdon!

Apud tombeja mur' en Staré Hamry
tomboj perditaj sen krucoj kaj floroj.
Tie ripozas sin-mem-mortigintoj.
Tie ripozas do Maryĉka Magdon.

1906 (Rud. Hromada)

Carl Nielsen:

## SENSPIRA FUĜO.

Ni infanoj ege timis la diablon. Kaj tamen li iel logis nin. Ververe ni volis vidi lin kaj tio estis ebla, se ni estis sufiĉe kuraĝaj. Nome oni diris al ni, ke li montras sin, se oni kuras sepfoje ĉirkaŭ la preĝejo, kaj ĉiufoje oni fajfas la ŝlosiltruo. Iun tagon tuj post la sunsubiro ni, 6—7 knaboj ekdecidis kuraĝi la eksperimenton. Ni elektis unu por fari la aferon — tiu estis mia frato Albert — kaj ni aliaj estis en streĉa atendo iom pli fore ĉe la ŝlosiltruo.

Estis nemalgranda preĝejo kaj jam, kiam mia frato estis kurinta ĉirkaŭe kvar aŭ kvin fojojn, li estis iom senspira, ĉar li kuris tre rapide kaj ankaŭ la ekscitiĝo kontribuis.Malaperinte la sepan fojon li ne reaperis dum iom da tempo; la sonoriloj jus komencis sonni por la sunsubiro, li malaperis tute, tiel ke ni kredis, ke la diablo prenis lin ĉe la alia flanko de la preĝejo. Kaj tiam ni altigis niajn paŝojn ĝiskole kaj fuĝis kiel ni povis kaj preskaŭ renversis unu la alian dum la fuĝo.

Poste klariĝis tamen, ke la diablo lasis forkuri mian fraton, kiu tiutempe estis iom tro malgrasa; ĉar kiam ni venis hejmen, li staris tute trankvile ĉe la kuireja tablo kaj manĝis acidlaktosupon. Estis tiel, ke dum sia kurado li rememoris, ke panjo parolis pri multe da sekvinberoj en la supo kaj tial li rapidis veni hejmen antaŭ la aliaj.

El la libro Mia infanaĝo en Fyn.

## ATENTIGO!

Presitan ilustritan monatan gazeton PACO, organon de MEM, kies unuopaj numeroj aperas en diversaj landoj, oni povas antaŭmendi je la adreso: Esperantista rondo de Zavodní klub ROH Závodů V. I. Lenina, Plzeň, Kopeckého sady 13. Jarkotizo estas Kčs 20,—.

## GRAVA ATENTIGO POR ABONANTOJ DE NUNTEMPA BULGARIO

Administrejo de Nuntempa Bulgario anoncis en n-ro 10, ke ekde nun nur ĝiaj ĝeneralaj reprezentantoj, po unu en ĉiu lando, povas akceptadi abonpagojn por la jaro 1961. En nia lando la sola distribuanto de eksterlandaj gazetoj estas gazetejo ORBIS, Praha 12, Stalinova 46, kiu escepte akceptas abonojn por Nuntempa Bulgario, se ili venos en proksimaj tagoj! La prezo por unu jarkolekto estas nun iom plialtigita — 18,— Kčs.

## ANEKDOTOJ.

Iu skribis al sia amiko: „Mi sendas al vi surtuton kaj vi trovos ĉi tiun leteron en ĝia maldekstra poŝo.“

Vojmontrilo havis sekvantan surskribon: „Ĉi tiu vojeto kondukas al B., sed kiu ne scias legi, iru laŭ la granda vojo!“

---

Učebnice ESPERANTA od prof. T. Kiliana jihlavské vydání úplně rozebráno.

Ve zprávách „Co nového vyjde 61“ jsme se dočetli, že vyjde nová Cvičebnice Esperanta od prof. T. Kiliana. 200 str. cvičebnice včetně čítanky, klíče a slovníčku. Náklad 5.000 výtisků. Kčs 11,90. K dostání v prodejnách n. p. Kniha.

## ANONCETOJ.

Korespondi deziras Dimitrio Romanjuk, P. K. 222, Stanislavo — obl., SSSR.

Novaj geesperantistoj 15- ĝis 16-jaraj deziras korespondi kun samaĝaj ges-anoj. Adreso: Gimnazium „Radnoti Miklos“ bulv. Lenin 6, Szeged, Hungario.

Korespondi deziras 18-jara studento de Politeknika instituto, Johano Rimas, Dariaus — Girino 5-2, Kaunas, Litova SSR.

Esperanta fervojista grupo (40 junuloj kaj 10 plenaĝuloj) deziras korespondi kun gelernantoj el ĉiuj landoj pri ĉiuj temoj. Ni nepre respondos dum Marto 1961. Adreso: Esperantista Grupo S.N.C.F., 1 Rue de Paris, Saint-Etiene-du Rouvray, Seine-Maritime, Francujo.

Korespondi deziras pri ĉiuj temoj: Franc Osowski, ul. Wandy Wasilewskiej 41 m 6, Bielsko - Biała, Pollando.



---

AGADO, informilo de Esperantista rondeto ĉe MěstOB en Jihlava. Eldonas: MěstOB en Jihlava. Respondeca redaktoro: V. Tyráček, Jiráskova 26, Jihlava. Pov. 8-Va-61.
Q-17*11051